AŬSTRIA
# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Aŭstrio. — Telefono U 23-1-80*

7-a jaro MAJO/JUNIO 1952 n-ro 5/6

## Auf zur 7. Jahreshauptversammlung unseres Verbandes!

Diesmal ist es kein Kongresz - eine Arbeitstagung der Esperanto-Aktivisten und aller jener österreichischen Esperantisten, denen das Gedeihen der Sache Zamenhofs in unserem Lande dringend am Herzen liegt, wird uns in wenigen Tagen zu wichtigen Beratungen in Wien vereinigen.

Wie leicht ist es für jeden Funktionär einer Bewegung, unter Mitwirkung von Massen begeisterter Anhänger beschwingten Gemütes eine Sache vorwärts zu tragen, die Schritt für Schritt greifbare Erfolge verzeichnen kann, Erfolge, welche das Ziel der Bestrebungen absehbar immer näher rücken lassen! Dasz unsere Esperanto-Bewegung gegenwärtig unter Verhältnissen um ihr Ziel ringt, die es den Verantwortlichen mehr als schwer machen, ihre Aufgabe zu erfüllen, braucht wohl nicht hervorgehoben werden. Heute kommt es daher in gesteigertem Masze auf das Verantwortungsbewusztsein, auf die Einsatzbereitschaft und auf ein unbegrenztes Masz an Zähigkeit bei allen an, welche die Friedensmission der Internationalen Sprache erkannt und sich vorgenommen haben, ihr zum Siege zu verhelfen. Wir wollen uns ins Bewusztsein rufen, welch überaus ernste Aufgabe wir Esperantisten mit unseren Landes- und Weltorganisationen zu vollbringen haben: Einer zivilisatorisch weit vorgeschrittenen, jedoch dieser Entwicklung gegenüber kulturell weit zurückgebliebenen, in hunderte Sprachen widersinnig verwirrt verharrenden Menschheit wollen wir eine einheitliche

Sprache vermitteln, welche der Welt eine ganz neue, in ihren positiven Auswirkungen noch gar nicht zu überse= hende Anschauung von den menschlichen Beziehungen brin= gen wird. D a f ü r lohnt es sich wohl, sein "auszer= berufliches Ich" zu gesteigertem Einsatz zu mobilisieren und der leider nur zu häufigen Art, einen Teil seiner Freizeit gedankenlos mit dem Esperanto-"Spiel"hinzubrin= gen, Lebewohl zu sagen!

Unser Kampf gilt nach auszen dem Unverstand und der Interesselosigkeit; wir führen ihn, um weitere Menschen für die Idee der Internationalen Sprache zu gewinnen. Nach innen gerichtet, lenken wir unser Augenmerk darauf, in jeden Mitarbeiter ein verstärktes Verantwortungsbe= wusztsein zu pflanzen und jene Maszhahmen zu treffen,die die Wirkungsweise unserer Organisation vervielfachen.

Dasz unsere diesjährige Jahreshauptversammlung uns auf diesem Wege weiterbringen möge, dazu wollen wir alle durch eine zahlreiche und aktive Teilnahme beitragen!

H.K.

## Programo de la jarkunveno de AEF

Sabate, 7.6., 16 h.: kunsido de fakgrupestroj; 18 h.: kunsido de AEF-landestroj. (Ejo: Vieno 15., Markgraf Rü= digerstr. 4) - 19.20 h.: komuna vespermanĝo; 20 h.: Amika Vespero (ejo: 15., Löschenkohlg. 18, gastejo Plu= hovsky).

Dimanĉe, 8.6., 8.15 h.: katolika Diservo kun E-prediko (ejo: Christ-König-preĝejo, 15., Vogelweideplatz, eniro je la preĝeja malantaŭo); 9.30 h.: AEF-JARKUNVENO 1952, malfermo, raportoj (ejo: 15., Markgraf Rüdigerstr. 4). 13 h.: komuna tagmanĝo (gastejo Pluhovsky). 14.30 h.: daŭrigo de la AEF-JARKUNVENO. 18 h.: vizito de la nova E-Centro de AEF, 15., Fünfhausgasse 16.

## INFORMOJ DE LA ESPERANTO-CENTRO

### Aŭstria ŝtatprezidanto d-ro Körner 79jara.

La 29an de aprilo festis nia altestimata s-ro Fede= racia Prezidanto generalo e.s. honorkaŭza d-ro Theodor Körner 79an datrevenon de sia naskiĝtago. La bondezirojn

de la estraro de AEF en la nomo de la aŭstria E-istaro li per afablaj vortoj respondis.

Nia s-ro Federacia Prezidanto kiel estinta urbestro de Vieno estas ankaŭ bone konata al multaj eksterlandaj s-anoj,kiujn li en la salonoj de la Viena urbdomo akceptis.Li estas varma akcelanto de la E-movado kaj ĉeestis en la jaro 1950 ankaŭ la malferman kunsidon de la 4a Aŭstria E-Kongreso en Vieno.Alparolante la gekongresanojn, li i.a. diris,ke li subtenas ĉion, kio akcelas la interkomprenon de la popoloj,kaj ke li en la internacia lingvo Esperanto vidas gravan instrumenton por tiu celo.

Gratulon al nia tre estimata s-ano direktoro Franz M e n a c h e r , Vieno!

La 27an de aprilo s-ano dir. Menacher 80jariĝis. Al tiu ankoraŭ tre aktiva E-instruisto, respekte amata de lia fidela lernantaro kaj de ĉiuj, kiuj kunagas kun li por la afero de Esperanto,ni direktas tiuokaze plej korajn salutojn! LA ESTRARO DE AEF.

"LABORISTA ESPERANTISTO", Nederlando,de 15.3.52 sur sia titolpaĝo aperigis nederlandlingve artikolon,E-lingve adresitan al ĝi de nia s-ano urbestro de Vieno Franz J o n a s , por inviti la socialistan junularon al la internacia renkonto en Vieno, okazonta de 1.-10.7.52 sur la tereno de Hörndlwald.

La preparlaboroj por la ZAMENHOF-MONUMENTO, kiu, kiel estas jam konate, estos inaŭgurata la 27.7.52 en WÖRGL, Tirolo, laŭ sciigoj en "ILO" 3/52 kontentige prosperas. Oni ekscias, ke speciala poŝtstampo je la tago de la inaŭguro enhavos la blazonon de Wörgl.Tiu ĉi fakto meritas intereson tial, ĉar la permeson por la uzo de la blazono en poŝta stampo oni ricevas nur en eksterordinaraj kazoj, kaj estas unuafoje, ke ĝi estis donata. D-ro K o l b , aŭstria minsitro por instruado, akceptis la inviton al la Honora Komitato de la Z.M.Listo, aldonita al la "ILO" de s-ano AEF-landestro Hans Steiner, Wörgl, Aŭgasse 42,Tirolo, registris ĝis redaktfino 360 donacintojn. Jen fakto, kiu montras,ke la s-anaro en Aŭstrio kaj eksterlando inde taksas la iniciataĵojn de s-ano Steiner, al kiu, cetere, tiu s-ano, kiu ankoraŭ ne partoprenis la

kolekton por la monumento,bonvolu sendi sian kontribuon!

El la protokoloj de la estrarkunsidoj de AEF.Kunsido marta: En konekso kun la legado de alskribaĵo de Burgenländischer E-Verein la afergvidanto informis, ke tiu societo havas eĉ ne unu membron ĉe AEF.La kasistino krome komunikis,malgraŭ kelkfoja admono ĝi ne nuligas sian debeton. - La kasraporto de la E-Centro (19.3.52) evidentigis plussaldon de S 1.889.71. -- Kunsido aprila: La bilanco de 16.4.52 estigis aktivsaldon de S 1.439.40. - S-ano Schwarz, AEF-landestro de Malsupra Aŭstrio, raportis pri siaj klopodoj por trovi konvenan ejon por nia jarkunveno.

Salutojn el Aŭstralio sendis al la aŭstria s-anaro nia eksmembro Herbert K o p p e l , loĝanta nun en Melbourne (Box 2122 T-Elisabeth St.), okaze de la Aŭstralia E-kongreso en januaro.Li estis elektata sekretario de la Aŭstralia E-Asocio.La estraro de AEF danke reciprokas al li la salutojn kaj deziras al li pluan sukcesan aktivadon.

"SPEGULO" 4-5/52, organo de AEF-landestro Karl Nigl, komunikas,ke la E-klubo de Philipps-fabriko en Eindhoven devas bedaŭrinde rezigni la viziton de Vieno kaj Linz.Sed ĝi venos al Innsbrück kaj Salzburg, kun kies E-grupoj la nederlandaj ges-anoj jam kontaktas.

GRAVA APELO AL LA AKTIVAJ AŬSTRIAJ ESPERANTISTOJ!

La Fervojista E-Fakgrupo de AEF informis la estraron de AEF,ke ĝi sukcesis pluinteresi la ĝeneraldirekcion de la aŭstria federacia fervoj-administracio por nia movado kaj ricevis la permeson pri la fiksado de unuecaj informtabuloj en la staciddomoj de lokoj, kie loĝas E-istoj.

La AEF-estraro informas aldone,ke okaze de la lasta regula raport-akcepto de s-anoj mag.ĉefkons. d-ro Grimme kaj oficekons.Cech ĉe nia honorprezidanto sekcia ĉefo dro D w o r s c h a k ankaŭ tiu post esprimita propono konsentis la senpagan fiksadon de unuecaj E-informtabuloj en la poŝtoficejoj en la jam supre menciitaj lokoj.

LA ESTRARO DE AEF NUN ALVOKAS ĈIUJN AKTIVAJN GESAMIDEANOJN EN LA DIVERSAJ LOKOJ DE NIA HEJMLANDO, KIE ESTAS FERVOJSTACIOJ AŬ POŜTOFICEJOJ, DEKLARI SIN PRETAJ POR FUNKCIADO KIEL HONOROFICAJ REPREZENTANTOJ DE LA AŬSTRIA ESPERANTO-SERVO! Iliaj nomoj kaj adresoj estos presitaj kron tiuj de la eventualaj lokaj E-societoj sur la in =

formtabulo de fervojstacio, respektive poŝtoficejo. Gesamideanoj, ne hezitu transpreni tiun honoran funkcion. Vi per tio servos eminente al nia movado kaj al la ĝuste nun tiel grava turismo en Aŭstrio kaj speciale en via loĝloko. A n o n c u v i n t u j ! Eble interkonsente kun via eventuala E-grupo. Anonco de anstataŭulo estas dezirinda. Sciigu tiun tre gravan aferon ankaŭ al E-istoj en najbaraj lokoj, kiuj eble ankoraŭ ne aliĝis al AEF! La anoncojn direktu al: Oesterr. Eisenbahner-Esperanto-Fachgruppe, Linz/D., Bahnhofstr. 3.

INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO EN VIENO, I., Michaelerplatz, Hofburg,Batthyanystiege, 4a etaĝo, festos la 13an de aŭgusto nj. sian 25jaran jubileon. Ĝi invitas la gesanojn al la akcelo de siaj laboroj kaj sciigas, ke ĝi estas vizitebla ĉiun lundon, merkredon kaj vendredon de la 10a ĝis 15a horo.

Internacia Polica E-Asocio, fondita la 1.1.50 en Anglio, kiel nova E-ista fakorganizo estas reprezentata en nia lando per la persono de s-ano Walter Lagger,Innsbruck, Preadler-Saggen 17, kiu informas,ke 10 samprofesiaj s-anoj estas en 10 lokoj de Aŭstrio. Li invitas ilin por E-ista kaj profesia kunlaboro kaj turnas sin al la ceteraj samfakuloj Esperanton sciantaj kun la invito al aliĝo.

Internacia Komisiono "Esperanto kaj Sociologio"

(Moerweg 76, Den Haag, Nederlando) celas esploradi la E-movadon laŭ socia konsisto de ĝia anaro interne de la movado kaj laŭ diverseco de la loko kaj rilatoj de ĝiaj anoj en la tuto de la socio. Por atingi tion, la komisiono kompilis liston de 10 demandoj, kiujn la geesperantistoj ĉiulande bonvolu respondi:

1) En kiu loko (urbo, vilaĝo ktp.) vi loĝas kaj kiom da loĝantoj tiu loko havas?
2) Kiujn naciecon kaj aĝon vi havas?
3) Ĉu vi estas fraŭl(in)o aŭ edz(in)o?
4) Eventuale: aliaj komunikoj pri persono (ekz. invalideco) aŭ familio (nombro de enloĝantaj infanoj).
5) Kian instruadon vi ricevis?
6) Kial vi lernis Esperanton?

7) Kiu estas via profesio? Menciu la E-nomon kaj la nomon en via nacia lingvo.
8) De kiu(j) E-societo(j) vi estas an(in)o?
9) De kiu plua alcelado vi estas an(in)o, ekz. Bella=myismo, Georgismo, Kooperativismo, Federalismo, ktp.
10) Kiun specialan interesiĝon aŭ amataĵon vi aktive praktikas, en kunlaboro kun aliaj personoj (filate=lio, genealogio, botaniko ktp.)?

AEF do petas ĉiujn siajn geanojn, ke ankaŭ ili par=topreni al tiu ĉi enketo. Nur multnombra partopreno cert=igas la sukceson de la grava, internacia entrepreno.

Ĉiu membro numeru (nur unuflanke surskribotan) pa=perfolion (formato de la AERevuo) de 1-10, de supre al malsupre kaj apud ĉiu cifero estu skribota la respektiva respondo laŭ la supra demandaro sen ripeto de la demando. Sufiĉas respondi tre koncize. Ĉiu respondfolio estu sub=skribita: nomo kaj plena adreso, klare legeblaj. La grup=estroj estas petataj, instigi siajn grupanojn al parto=preno de la respondoj kaj eventuale ili bonvolu asisti ilin dum la pleniĝo de la folioj. Poste ili kolektu la respondojn kaj sendu ilin rekte al la E-Centro. Estas petate, komenci la aferon laŭpove tuj.

## A U S T R I A   E S P E R A N T O - K R O N I K O

VIENO: Pioniro 80jariĝis. S-ano ĉeflerneja direktoro Franz M e n a c h e r , la konata kursgvidanto, kiu ĉiam instruas la progresantajn lernantojn, ano de la Aŭstria E-Instituto kaj estro de la Societo de Aŭstriaj E-instru=istoj, finis la 27an de aprilo sian 80an vivojaron. Tiu evento estis por la grupo HARMONIO, kies membro li estas, la motivo, aranĝi honore de li intiman feston, kiun tamen partoprenis 62 ges-anoj. Por gratuli al li estis venint=aj mag. ĉefkons. d-ro Grimme (por AEF), ofickons. Cech (VED), univ. prof. d-ro Sirk (AEI), s-ano F. Jeitler (por Societo de Aŭstriaj E-Instruistoj), W. Mudrak (AKLE) kaj A. Berdan (Socialista E-istaro Aŭstria).

Direktoro Menacher, "nia direktoro", skizis en lon=ga parolado sian vivovojon kaj sian agadon en la E-mova=do. Kiel ŝatata li estas, tion pruvis la multaj, bongustaj naskiĝtag-donacoj, kiujn li ricevis. Plibeligis la feston

citroduo kaj gitaristo Schober-Kurz; s-ano Mann, kiu en sia sprita maniero priskribis la agadon de nia direktoro, kaj diplomkomercisto Bartek,kiu verkis trafan poemon pri tiu ĉi meritplena pioniro de la aŭstria E-movado. Ni ĉiuj kore deziras, ke nia naskiĝtag"infano" ankoraŭ longan tempon vivu, por ke li povu transdoni sian grandan scion al kiel eble plej multaj adeptoj. Logo

Librokolekto Yelland en IEMW. La konataj anglaj gesamideanoj Y e l l a n d , kiuj deantaŭ multaj jaroj vivas en Sudfrancio,dediĉis sian E-bibliotekon kaj dokumentaron al la Internacia E-Muzeo en Vieno.La pli ol 700 libroj restos deponitaj kiel "Kolekto T.kaj E.E.Yelland".

KONVERSACIA RONDO, Vieno 13., kafejo Wunderer, Hadikgasse ĉe Hietzingerbrücke, kunvenas ĉiun unuan ĵaŭdon en la monato kaj invitas al vizito (19 h,estro s-ano majoro S i n n e r ). -- DANUBIO informas, ke ĝiaj kunvenoj okazos dum la somermonatoj ĉiun 1an kaj 3an lundon je 19a h. en gastejo Zboril, 7., Sigmundsg. 14. Gastoj ĉiam bonvenaj! -- HARMONIO kunvenos ekde junio ĉiun vendredon en la nova E-Centro, 15., Fünfhausg. 16, je 19.30 h. La ĵaŭda perfektiga kurso plu okazos en la ĝisnuna grupejo. -- KALOCSAY-LABORO notas la okazintecon de parolado de s-aninoj Mathilde Kindl kaj Aranka Janitzky kun multaj lumbildoj pri ilia granda vojaĝo 1951 sur Dachstein, de tie al Innsbruck (AEKongreso)-München (UK)-Nederlando kaj Italio. La 32 ĉeestintoj danke aplaŭdis al ambaŭ sinjorinoj pro la interesega kaj tre bone preparita vojaĝraporto. Ekde junio la kunvenoj de la kluboj estos kiel ĉiujare dum la somero en Türkenschanz-parko ĉe la turo (19 h). Venu denove al la ĉiujara parkrendevuo de la Vienaj E-istoj! -- VIENA E-DELEGITARO (kunvenoj je la 1-a merkredo de la monato en la E-Centro) kune kun la AEF-estraro direktis petskribon al la Viena urbestro, s-ano Franz J o n a s , petante proponi al la Urba Konsilistaro, ke ĝi nomu la novan urban loĝdomon, en kiu estos la nova E-Centro de AEF, " E s p e r a n t o - H o f ".

Notu la novan adreson de nia Esperanto-Centro:

Wien 15., Fünfhausgasse 16-18.

BURGENLANDO: AEF-landestro s-ano prof. Hans B a u e r, Eisenstadt, eldonis en februaro tripaĝan "Burgenlandan E-Bultenon" kun sciigoj pri la en- kaj eksterlanda E-movado. Pri la jarkunveno de Burgenldanda E-societo (30.12.51) la societa bulteno de 27.2.52 informis, ke ĝi okazis en Oberpullendorf, sidejo la societo kaj loka E-grupo. La estro, s-ano I. R e i n e r, raportis, ke novaliĝis 12 personoj. Mortis pasintjare s-ano Göttlicher. Teatra rondo prezentis kelkajn hungarlingvajn teatraĵetojn; ĝi akiris plurajn naciajn kostumojn kaj partoprenis la distriktan Burgenland-feston. La societa kasostato estas kontentiga. S-ano sekurdirektoro d-ro Schwarz, komponinto de la Kongresa Valso kaj Aŭstria E-Merŝo, estis eknomata honora membro. La ĉeffunkciuloj de la nova societa estraro estas: prof. H. Bauer (prez.), Irene Boda (vicprez.) kaj afergv. estro Julio Rainer.

MALSUPRA AŬSTRIO: AEF-landestro Johann S c h w a r z, Felixdorf, Bräunlichg.12, informis per speciala liglanda E-informilo la liglandajn E-istojn pri la okazonta AEF-jarkunveno, invitante al multnombra partopreno. Lokaj grupoj aŭ rondoj funkcias en Wr.Neustadt, St. Pölten, Hohenberg kaj Hainburg. En pli ol 50 lokoj de la liglando loĝas E-istoj.

SUPRA AŬSTRIO: Supra-aŭstria AEF-landestraro. Jarkunveno de supra-aŭstriaj E-istoj okazis la 17.2. en Linz. Ĉeestis reprezentantoj de la grupoj ESTONTO, Linz; FREVOJISTA E-FAKGRUPO, LIBERECO, Wels; de E-RONDO VÖKLABRUCK kaj de VOJAĜKLUBO, Linz. Pluaj grupoj ekzistas ankaŭ en Steyr, Gmunden kaj Ofterding. La jarkunvenon ĉeestis ankaŭ s-ano Hans Steiner, AEF-landestro por Tirolo, kiu raportis pri la preparlaboroj por la Zamenhof-Monumento en Wörgl. S-ano N i g l faris la ĉefan raporton. La kontentiga kasoraporto atestis pri zorgema administrado. La nova LANDESTRARO: s-anoj Nigl, Zeller(estro kaj vicestro), Hollinger(kasisto), Kaufmann(sekretario), E. Moser, Teufelsbrucker (kontrolantoj). S-ano Kaufmann raportis pri fondo de "Tutmonda Ordena E-Kooperativo". S-ano Gebert, estro de ESTONTO, raportis pri la movado en Linz. (Laŭ "La Spegulo" 3/52, R.C.)

Vöklabruck: Ĉi tie funkcias E-grupo "DILLER", estrata de nia fervora s-anino Lachmayr-Fohler, Gmundnerstr. n-ro 43. -- Gmunden: reprezentas kun malnova fideleco la E-rondo TRAUNSTEIN, gvidata de s-anoj Anton Pöschko kaj Wolfgang Grausgruber; adreso: Traunleiten 108. --- Linz: E-ekzamenoj okazis sub ekzamena komisiono,konsistinta el la s-anoj J. Bürger, H. Gebert, K. Nigl, A. Teufelsbrucker kaj J. Wieshofer.

SALZBURG: Eŭropa Pax-Romana-Konferenco. En la tagoj de la 17a ĝis 22a de aprilo okazis en Salzburg la ĉijara eŭropa konferenco de ĉi tiu grava katolika organizaĵo. La unuan fojon E-istoj estis invitataj,partopreni la konfernecon. La estraro de AKLE delegis sian anon, prof. d-ron Peter H o h e n w a r t e r el Klagenfurt, kiu havis la eblon, dum sia referaĵo atentigi pri la Internacia Lingvo, des pli sukcese,ĉar la traduka procedado dum la intertraktoj evidentigis sufiĉe la maltaŭgecon de la tradicia kompreniga sistemo. D-ro Hohenwarter interparolis kun pluraj kompetentaj funkciuloj de la konferenca estraro.

Saalfelden: E-kurson por ĉeflernejanoj gvidas la tiea fakinstruistino, s-anino Lisl Oberlechner.

TIROLO: La E-hejmo "Frataro" en Landeck posedas belan, grandan Zamenhof-bildon,kiun pentris s-ano Marco Blahovisiv,kiu nuntempe vivas en Buenos Aires(Argentinio). El "ILO" 3/52 ni citas: E- kiel nedeviga instrufako en lernejoj. En "Amtsblatt für das Unterrichtswesen in Tirol" (Oficiala bulteno por instruantoj en Tirolo) de la 31.1.52 aperis sub titolo supre menciita jena interesa kaj ĝojiga sciigo:"Por akceli la evoluon de la mondhelplingvo Esperanto, la ministerio por instruado konatigis je peto de la Aŭstria Esperantista Federacio per dekreto de l' 15.11.51, Zl. 43.508 - IV/18/51, ke ankaŭ la mondhelplingvo Esperanto povas esti instruata kiel nedeviga instrufako sub la kondiĉoj,validaj por nedevigaj instrufakoj ... Pri tiu ĉi ebleco ĉiuj lernej- kaj institutdirekcioj en Tirolo per tio estas informataj."

Pri la Zamenhof-Monumento legu sub rubriko "Informoj de la E-Centro!

## KATOLIKA ESPERANTISTA VIVO

AKLE/Vieno: leteradreso W. Mudrak,Vieno III,Beatrixg.19; Kunvenoj 1.,Graben 13/II,ĉiun 2an kaj 4an mardon,17-19h. AKLE/Salzburg: Domvikar J. Kaps, Gaisbergstr. 7.

Gesamcelanoj! Anoncu vian partoprenon ĉe niaj aranĝoj dum "Katholikentag" (12., 13.9.)! Kotizeto minimume S2.-petata. - Okazis en Vieno: 6.4. Diservo posttagmeza kun signifa prediko de P. Kom. G. Plank en Kolping-domo, Vieno VI.; ĉeestis 50 ges-anoj. 22.4. Paskosoleno kaj Zamenhof-memoro. 13.5. festeto je la "Tago de l'Patrino" en nia kunvenejo. Koncerne la Diservon okaze de la Ĝenerala Kunveno de AEF (8.6.) atentu la oficialan progamon.

Varma akcelanto de la katolika E-movado estis pastro Anton Maria S c h w a r t z (sanktece mortinta 1929), kies 100an naskiĝ-tagon festis la Kongregacio de Kalasancanoj por la kristanaj laboristoj (fondita de li). En la biblioteko de la kongregacio jam 1918 estis lernolibro pri E. "Kalasantiner Blätter" ankaŭ nun montras ĉiam fervoron por E. -- La unuan E-predikon en Sidney faris en katolika preĝejo okaze de la Tutaŭstralia E-Kongreso en tiu jaro pastro S i g i s m o n d o O. Cap., bone konata al la partoprenintoj de la XXIIa IKKE en Romo. Li enmigris Aŭstralion kaj tie ankaŭ vigle agadis por la disvastigo de E. Denaske polo, li dum la 2a mondmilito estis arestata de Gestapo kaj fondis "subteran" E-grupon en Dachau, al kiu apartenis kunsuferintoj el 14 subpremitaj nacioj. -- Grava verko en E., la "Spiritaj Ekzercadoj" (Exerzitienbuch) de S. Ignaco de Loyola aperis, tradukita el la hispana originalo de Emma, Zaragozo(Hispanio);ĝi estas 206paĝa,broŝurita kajricevebla ĉe libroservo de IKUE je 5 resp. kup. Pro detaloj skribu kun respondafranko al AKLE, supra adreso. --- Recenzo de japana, E-lingva libro "Aŭskultu la voĉojn de oceano" (leteroj de militmortintaj japanaj studentoj) aperis, verkita de s-ano W.Mudrak,en "Kalasantiner Blätter"(30 lin.) "Wr.Kirchenblatt" de 27.4. raportis 5linie pri E-prediko en Aŭstralio. M.

LA NOVA ADRESO DE LA E-CENTRO: Wien 15., Fünfhausg. 16.

## LABORISTA ESPERANTISTARO

**La Vienaj laboristaj Esperantistoj festis la 1an de majo**

Kiel ĉiujare ankaŭ tiun 1an de majo la s o c i a= l i s t a j E s p e r a n t i s t o j de Vieno profit= is la okazon por elpaŝi publike sub la ruĝa standardo kun la verda stelo, propagandante la Internacian Lingvon inter la vastaj laboristaj amasoj. Jam dum la almarŝo al Ringstrato la manifestanta E-ista kolono estis ripete salutata, eĉ E-lingve,kaj la gek-doj rikoltis denove kaj denove la ovaciojn de la spalirstaranta popolo. Kiam sub la transparento "Per Esperanto por Socialismo!" la Espe= ranta grupo alvenis sur Rathausplatz, la megafono,bonege aŭdebla sur la tuta manifestejo, anoncis la aperon de la socialistaj E-istoj. La grupo atingis la tribunon,kie en mezo de la partiestraro staris nia altestimata k-do kaj samideano Franz J o n a s. Li respondis la salutojn de la socialista E-kolono Esperantlingve per "Saluton, ami= kecon, gekamaradoj!" Ankaŭ el la vicoj de la svedaj kaj nederlandaj gastoj, starinte tie, oni salutis nin nia= lingve.

La k o m u n i s t a j E s p e r a n t i s t o j antaŭ la Parlamentejo. Je la 11a kolektis sin la gek-doj sur Stalinplaco. Ili portis la ruĝajn flagojn kun la Es= perantaj insignoj tra la Ringstrato.Entuziasmaj aplaŭdoj akceptis ilin, kiam ili aperis kun siaj ruĝaj brakruban= doj, ornamitaj per la verda stelo. Atingante la estradon de la partia gvidistaro ĉe la Parlamentejo, ili vokis al ĝi sian Esperantan saluton kaj la megafono redonis al ili la saluton kaj aklamon de la partiestraro,kiuj estis percepteblaj sur la tuta demonstracia vojo: "La Centra Komitato de KPÖ salutas la laboristajn E-istojn!" En la oficiala raporto de "Volksstimme" pri la 1a de majo ape= ris mencio pri la partopreno de grupo da laboristaj Esp= erantistoj.

## NATURAMIKA FAKGRUPO

La 2-a numero de la internacia organo "La Migranto" estas en preparo. Dum la somera sezono estos aranĝataj grupaj ekskursoj. Informojn donas la fakgrupestro s-ano

Max Finkenzeller, Vieno 12., Oswaldg. 14-16/4/4. Li kore invitas la ges-anojn al la grupkunvenoj, kiuj okazas en Viena Naturamika Centro, 15., Diffenbachg. 36, ĉiumarde, de 19a-21a h.

## FERVOJISTA FAKGRUPO

Raporto. Depost la centralizo de la fakgrupo al Linz ankaŭ la loka grupa vivo pli viglîĝas. Ĝi aranĝas kune kun grupo ESTONTO bonajn klubvesperojn, kiuj estas ĉiam bone vizitataj. En ĉiu klubvespero okazas io alia. La 8an de aprilo finiĝis kurso en la ĉefriparejo de Linz, gvidita de k-do S t r e i t n e r . Tiu ĉi malnova E-pioniro gvidis la kurson dum 4 moantoj, malgraŭ grava okulmalsano. De 24 lernantoj en la komenco restis 10. Per bela "Matura"-festo ni finis la kurson kaj samtempe ni honoris nian meritplenan instruanton, k-don Streitner. La dek novaj E-istoj nun daŭrigas la studadon en nia daŭra kurso por progresantoj, gvidata de nia senlaca estro S i g h a r t n e r . Tiu bone vizitata Kurso ĉiam ankaŭ estas partoprenata de kelkaj direkciaj oficistoj. En kutima Klubvespero oni aranĝas diversajn festetojn kun prelegoj kaj kantoj aŭ ludoj. La 27.3. s-ano A n g e r m a y r raportis pri sia unua printempa vojaĝo al Triesto. Inter aliaj li ankaŭ vizitis la E-klubon de Triesto. En sia parolado li skizis la modelan kaj viglan E.movadon de la urbo. La 10.4. oni memoris pri la morto de nia Majstro. Samtempe ambaŭ grupoj kunmemoris la mortintajn E-istojn de Linz kaj ĉirkaŭaĵo. Ili meritis nian memoron, ĉar kiel nia Majstro ili restis fidelaj al sia ideo ĝis la morto. Post tiu ĉi soleno okazis surprizo neatendita. Fakgrupestro Sighartner senvualigis grandan portreton de Zamenhof. Ĝi estas kreaĵo el la artiste lertaj manoj de nia s-ano B ü r g e r, kiu dediĉis la 90 x 60 cm grandan bildon al la fakgrupo kun la deziro, ke ĝi servu al ĉiuj Linz-aj E-grupoj dum solenaj aranĝoj. La 6.3. s-ano Bürger donacis al la fakgrupo belan liuton, kiu servu por ankoraŭ pli gajigi kaj amuzigi la klubvesperojn. La 17.4. okazis prelego de profesor-edzino s-anino Constantini el Linz. En duhora parolado ŝi rakontis pri la pasintjara vojaĝo, kiun ŝi faris kun sia edzo.

Ni esperas, ke tiamaniere ni povu daŭrigi nian kluban vivon. Ni ankaŭ deziras, ke en aliaj lokoj evoluu simila klubvivo, por ke E. ĉie prosperu. L.A.

*El letero de s-ano Sighartner al la AEF-Centro:* La 8.3. ni havis eksterordinaran plenkunvenon en Linz, kiun ĉeestis proksimume 40 fervojistoj. La ĉeftemo de la kunveno estis: centralizo de la estraro al unu loko, ĉar estas evidente, ke organizo ne povas funkcii, se la funkciuloj estas dislokitaj. Ni decidis, havi la ĉefestraron en tiu loko, kie loĝas la estro kaj la plejmulto el la funkciularo. Tiu loko estas estantece en Linz. Jen la nova estraro: estro Johann Sighartner, Linz/D., Frankstr. 57/II; vicestro Wieshofer; sekretario (protokolo) Bürger; vicsekretario (korespondo) kaj kasisto Luis Angermayr, Linz/D., Hugo Wolfstr. 6; vickasisto Teufelsbrucker; subkasistoj Wagner, Heinzl, Scha[illegible]ghofer, Glocker; kontrolistoj Kriechbaumer, Ulrich. Al la ĝisnunaj fakgrupgvidintoj, speciale al s-anoj Zink kaj Hawla estis esprimata la danko pro la faritaj laboroj. Ni certigas al la Centro de AEF, ke en la komuna kunlaboro nenio ŝanĝiĝis. Ni restos fakgrupo de AEF kaj tiel ni laŭ ĝisnuna maniero akurate kalkulos kaj pagos nian kotizon.

*Esperanto-Infaormationstafeln (Einheitsformat) in den Bahnhöfen der Ö.B.B.* Mit Zustimmung der Gendion Wien mit Schreiben GS/51/30 v.12.11.51 und der Österr. Eisenbahn-Reklame Wien mit Schreiben R/Ha v.22.11.51 dürfen in allen jenen Bahnhöfen, wo sich Esperantisten befinden, Informationstaflen angebracht werden. Im Vordruck des Plakates "ESPERANTO-SERVO" wird die Anschrift der im Orte selbst oder diesem nächstgelegenen Esperanto-Ortsgruppe oder der Name des ortsansässigen Esperantisten in Druckschrift eingesetzt. Dieses Plakat wird unter Glas in der Nähe des Bahnhof-Ausganges fixiert. *Unsere Eisenbahner-Delegierten werden gebeten, uns ehestens die in ihrem Bereiche in Frage kommenden Bahnhöfe und Anschriften der E-Orstgruppe oder Vertreter bekannt zu geben* und sich mit den Herren Vorständen zwecks Anbringung der Informationstafeln in das Einvernehmen zu setzen. Die Herren Vorstände werden auch von der Eisenbahn-Reklame Wien noch eine gesonderte Zuschrift erhalten. In Bahnhöfen, wo sich bereits Esperanto-Informationstafeln befinden,

können diese, soweit sie gut erhalten sind, belassen wer= den, jedoch müszten uns auch diese Bahnhöfe (mit dem ent= sprechenden Vermerk) gemeldet werden.

Oesterr. Eisenbahner-Esperanto-Fachgruppe,
Linz/D., Bahnhofstr. 3, gez. i.V. Angermayr.

POŜTISTA FAKGRUPO

En la sindikata gazeto "Post und Telegraphie" aper= as ekde 15.3.52 ampleksa kurso, gvidata de nia kolego JOHANN Janecka.

AŬSTRIA SOCIETO DE E-INSTRUISTOJ (Sekcio de AEF)

Okaze de la lasta membro-kunsido de 28.4.52 inform= is la prezidanto, s-ano dir. Menacher, ke la aŭstria in= struministerio ree subvenciis la agadon de la societo per S 1.000.-. Sekretario s-ano Gschanes sciigis, ke Stadtschulrat (Lernej-administracio de Vieno) invitis la socion letere, delegi parolontojn por la Elternvereins = referat. Estis nomataj s-anoj Gschanes (por ĉeflernejoj) kaj prof. d-ro Beckmann (por mezlernejoj). S-ano Gschanes verkis du artikolojn kaj skribigis ilin en Brajlo-skrib= on por la Vienaj blindul-lernejoj. En la instruistina se= minario, Vieno XIX., Hofzeile, gvidas post sukcesa varb= parolado de la societa sekretario s-ano fakinstruisto Drössler du kursojn. Instruistan studrondon gvidas s-ano Werner. Dum la granda ekspozicio "Nia Lernejo", en kiu estas aranĝita de s-ano Konetzny E-fako, kiu okazas de 17.5.- 17.6. en la Viena Foir-Palaco, s-ano Gschanes pre zentos kun siaj lernantoj E-kantojn. La societo decidis, startigi varbagadon en la klerigaj sekcioj de la minist= erioj, plue la aranĝon de feria E-kurso en la E-Centro.

E-instruistoj kaj kursgvidantoj aliĝu al la societo kaj anoncu vin ĉe s-ano fakinstruisto Leopold Gschanes, Vieno 15., Pelzg. 7/17!

Prüfungsvorschriften für die Staatsprüfungen in E. estas eldonitaj de la societo. Bezonantoj mendu ĉe supra adreso!

Notu la novan adreson de nia Esperanto-Centro:
Wien 15., Fünfhausgasse 16-18.

# INTERNACIA ESPERANTO-MOVADO
Zigzage kaj telegrame tra la mondo

- HELPU LA E-MOVADON EN HISPANIO!"Por propaganda ekspozi= cio ni bezonas ĉiajn E-aĵojn: librojn, broŝurojn, salut= kartojn (prefere bildflanke kaj flatele afrankitajn) afi= ŝojn ktp. Adreso: Esperanto-Propagand-Ekspozicio,str.forn. 19 - Moyá (Barna). -- Sub la titolo "ĈU NUR ESPERANTISMO?" s-ano Edma el Zaragozo skribis en la interesa hispana BOL= ETIN" tre konsiderindajn vortojn. Li rekomendas - por pli= vastigi nian lingvon- ke ni rezignu propagandi la Internan Ideon ekster niaj rondoj kaj atentigas, ke por la indife= renta publiko nia eta movado nur havas la signifon de sek= to. Pli necesas kaj pli utilas, rekomendi al la grandaj movadoj politikaj, religiaj,sportaj ktp. la uzon por iliaj propraj celoj. Malantaŭ ili staras la amasoj. Kaj la prak= tikado de la Interna Ideo de Zamenhof venos per la apliika= do de la internacia lingvo mem. --- ANTENO ESPERANTISTA de Radio S.E.U. Str. Diego de Leon, 49, Madrido, sendas regu= le ĉiumerkrede je 19.30 h de Greenwich per mallongado de 42.05 metroj kaj 7,140 kilocikloj. Aŭskultu kaj gratulu! - La E-KLUBO LITVINOV (J. Pastor,Roosveltova 646,Litvinov I, Ĉeĥoslovakio) aranĝas letervesperon. Skribu multnombre - ĉiu ricevos respondon kaj fotografaĵon. 20 geklubanoj (10-35jaraj) volas korespondi k.c.l.! --- ESPERANTISTA OLIMPIA SERVO, Töölötullinkatu 7, A.2., Helsinki-Töölö.Finnlando, ekfunkciis. Ĝi intencas servi al la XVa Olimpiado en Hel= sinki kaj aranĝos du kunvenojn por kunigi la partoprenont= ajn E-istojn kaj atentigi pri E., Ĝi donos informojn, se ĝi ricevis la respondafrankon. --- Al la ZAMENHOF-MONUMENTO en Wörgl,inaŭgurota je la 27.7.52,Heroldo de E. dediĉis en n-ro de marto preskaŭ 2 kolonojn de sia fruntpaĝo, koment= ante la planon kaj citante la programon kaj la honoran kaj organizan komitatojn. ---- UEA atingis je la fino de 1951: 8849 asociajn kaj 6094 individuajn membrojn, entute 14.943. Fine de 1950 estis entute 14.711. --- Sub la aŭspicioj de UEA okazos INTERNACIAJ FERIAJ KURSOJ en Helsingör,Danlando, de 25.7.-1.8.52. Jenaj kursoj estas anoncitaj: 1) Daŭr= iga kurso, 2) Konversacia kurso, 3) prepara kurso por Cseh-metodaj geinstruistoj, 4) infankurso. Informu vin antaŭ la 25.6. ĉe L. Friis, Ingemannsvej 9. Aabyhöj. ---

---

La 36a Brita E-Kongreso okazos de 30.5.-2.6. en Newkastle-upon-Tyne. Informas: s-ro A. Neil, 57 West Wallum, South Denton, Newkastle-upon-Tyne 5, Anglio. -- "LA NUNTEMPA SVEDLANDO" estas la temo de internacia kurso, arangata de la Svedlanda E-Instituto inter la 27.7. kaj 2.8. antaŭ la UEA-kongreso en Oslo, por ebligi al la ges-anoj la partoprenon, estante survoje al la kongeso. La kurso okazos en la altlernejo Bohusgarden apud Gotenburgo. Pro la granda sukceso de la kurso antaŭ tri jaroj, la sveda registaro decidis asigni 4000 kronojn por la arango. La prezo de la kurso estas 75 kronoj, inkl. instruado, logo, mango kaj ekskurso en Gotenburgo. Por kelkaj kursanoj la redukto de la kotizo estos ebla. Skribu al: Svenska Esperanto-Förbundet, Tegelbacken, Stockholm. - FRAZARO POR KONDUKTOROJ kun tekstoj en E. estis eldonata de la direkcio de la finnlanda fervojaro. ---- En Paragvajo aperas grava filatela jarlibro, kiu kun eldonkvanto de 30.000 ekzempleroj estas disvastigata en la tuta mondo. Tiu jarlibro aperis 1951 unuafoje krom en aliaj kvin lingvoj ankaŭ en E. La mondlingva parto ampleksas 20 pagojn kun 250 ilustrajoj. (Informoj ce "El.Mundo Peraguaya", Ciudad Coronel Bogado, Paraguay, Suda Ameriko.) --- UNESKO acetis por publikigo en franca kaj angla tradukoj la prelegon, faritan dum la Pariza Somera Universitato de d-ro Ivo Lapenna pri "La jura signifo de la universala deklaracio pri la homaj rajtoj". ---- MEDICINA REVUO, jen la nomo de nova faka revuo, kies unua n-ro, 36 paga, jus aperis. Gi estas eldonata en Japanio: administrejo Tomozi Aosima, Sinmati 123, TIBA.

* * * * * * * * * * * * * * *

---

Eigentümer und Herausgeber: Österr. Esperantistenverband. Verlag: "Tramondo". - Verantwortlicher Redakteur: Hugo Kraus, sämtliche: Wien I., Neutorgasse 9 (Tel.: U 23180)
Druck: Hans Likan, Wien VI., Mollardgasse 85a.